# Boletín

## Federación Española de Esperanto

### Asociación de Utilidad Pública




n-ro 321 majo-junio 1995

# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
Aperanta de 1949

## Ĉefredaktoro

Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe 27-29, 9º C
ES-50002 Zaragoza

## Redaktoroj kaj kunlaborantoj

Salvador Gumá Clavell
Miguel Fernández Martín
Vicente Hernández Llusera
Andres Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Valén Fernández

Federación Española de Esperanto
(Información y administración)

Hispana Esperanto-Federacio
(Informado kaj administrado)

Rodríguez San Pedro 13-3º-7
ES-28015 MADRID
Telefono + faksilo: +34-(9)1-446-80-79



*Kovrilo:* Fernado de Diego kun Antonio Valén kaj la vortarego.

*Noto:* Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## ENHAVO

# HEF, Fundación Esperanto kaj niaj Grupoj

Tuj post aprobo en la Hispana Parlamento de nova leĝo pri "Fundaciones y Mecenazgos" (Fondaĵoj kaj mecenatecoj, BOE 24-11-94), la gvidantoj kaj patronoj de nia *FUNDACION* okupiĝas pri la adapto de ties Statuto al la nova leĝo. Tiu aktualigo estis pli ol necesa, ĉar la Fondaĵoj funkciis en Hispanio kadre de malnova leĝar-kolekto, devenanta de leĝo funkcianta de post la pasinta jarcentofino.

Laste, post la deklaro de HEF kiel asocio de publika utilo fare de la hispana registaro pasintjare, ne malmultaj HEF-membroj sin sentas konfuzaj pro la analogio de certaj karakterizoj en la celoj oficiale agnoskitaj al HEF kaj nia FUNDACION. Ŝajnas oportune do, ekspliki nian vidpunkton al tiuj samideanoj, kiuj adresis al ni leterojn... kaj ankaŭ al tiuj, kiuj sen tiu peto, sin demandas, kiel ambaŭ asocioj estonte funkcios sen reciproke invadi agad-kampojn en la kadro de la hispana Esperanta Movado.

Pravas tiuj HEF-membroj ne-fakuloj, kiuj ne klare perceptas la profilojn ne nur de HEF kaj FUNDACION, sed ankaŭ ne de la ceteraj esperantaj asocioj. Tial, ŝajnas oportune kaj necese anonci novan diagramon por la hispana Esperanta Movado, en kiu aperu sen ebla dubo la marko de niaj diversaj asocioj. Tiucele, speciala Komisiono en la sino de HEF jam komencis ardan laboron por la difino de programoj kaj agadoj de ĉiu el niaj asocioj, kies taskoj devas esti de ĉiuj konataj.

Se ni prezentas skemon de la plej gravaj funkcioj de ĉiu el tiuj asocioj, ni devas tuj deklari, ke HEF devas plu esti la asocio kunordiganta ĉiujn servojn de la Movado en nia lando. Cetere, ĝi estis/as la brako oficiala kaj reprezenta de nia Movado ĉe la altaj instancoj de la ŝtato, kaj tial respondeca ankaŭ pri nia eksterlanda politiko.

En tiu skemo FUNDACION aperas kiel *institucio ekonomia* de nia landa Movado, dum la Grupoj devas ŝarĝi sur sin la respondecon pri la loka reprezento, la lernigado de la lingvo kaj la disvastiga prozelitisma kaj pragmata agado en la hispana teritorio.



Ĝis nun niaj Federacio kaj Grupoj jam, plimalpli, disvolvis la skizitajn taskojn kun la aldona peniga problemo de la propra financado, baraktante en mondo esence ekonomia surbaze de la oferemo kaj laboro de la esperantistoj. Eble tiu estas kaduka sistemo kaj jam alvenis la momento, ke specifa institucio kia nia FUNDACION, zorgu pri niaj financoj kiel rimedo por potencigi kaj efikigi nian agadon. Ja per solaj rimedoj de niaj kotizoj kaj la klopodoj kaj oferemo de kelkaj el niaj plej bonaj volontuloj (minoritato ĉiutage pli minoritata), ne sufiĉas por atingi la nivelon bezonatan por aŭdigi nian voĉon, kaj sekve trovi la eblecon sukcesigi niajn celojn. Neniu hispana esperantisto povas forgesi alian faktoron, kiu urĝigas intervenon de FUNDACION en niaj financoj, nome la bezono ŝirmi la ekonomion de nia Federacio kontraŭ fiskaj misinterpretoj.

La nuna tasko de FUNDACION ekde sia fondiĝo estis esence beletra, sed ni ĉiuj konstatis, ke tio tute ne sufiĉas. La speciala strukturo de fondaĵoj, speciale kreita por disvolvi aktivaĵojn sen profita celo, inklinigas nin pensi, ke se tiu institucio ne estus fondita, oni devus senprokraste fondi ĝin por alfronti nian tujan estonton. Mankas ja politiko pri financado de projektoj celantaj alporti la mesaĝon pri nia lingvo al la nuna kompleksa mondo kaj iluziigi la popolon kaj la instituciojn pri la legaliziteco de nia celo kaj la absoluta neceso de nia idealo. Kaj Esperanto estas ne nur brila kiel idealo, sed interesa kiel pragmata instrumento por internaciaj rilatoj kaj profitdonaj celoj, kiel atestas certaj esperantistaj entreprenoj jam sukcese funkciantaj.

Nia FUNDACION, kiel institucio agnoskita de la ŝtato kaj jure dotita por formuli la financadon de niaj projektoj, bezonas nun la plej gravan elementon por sia specifa tasko: la kapitalon.

Evidente, ni ne povas atendadi la heredon aŭ donacojn de bonvolemaj esperantistoj, laŭ la stilo de antikvaj fondaĵoj, por programi nian aktivadon (ja tio estas ankaŭ dezirinda kaj necesa). Nia opinio estas, ke ni devas senprokraste uzi nian FUNDACION por moderna projekto. La problemo por ĝiaj gvidantoj kaj patronoj estas, kiel kapitaligi ĝin, ĉar la posedataj monrimedoj tute ne sufiĉas. Nova politiko por atingi tiun kapitaligon devas nepre anstataŭi la ĝisnunan, tro pasivan, kaj devas konsisti, minimume, el jenaj elementoj: donacoj kaj heredoj, subvencioj de oficialaj institucioj, profitosaldoj de la Libro-Servo, kongresoj k.a., rentoj de niaj aktivaĵoj, specialaj kotizoj de membroj, ktp. Tiun kapitaligon postulas de nun la ŝtataj

aŭtoritatoj: prezenton de ĉiujara buĝeto, de la koncerna Konto-Etato kaj atestaj dokumentoj. Resume juran plenumon de ĉiuj fiskaj devoj.

Tio kion ni tre modeste skizas hodiaŭ pri tiel grava temo, estos de nun traktata en venontaj artikoloj de kolegoj pli kompetentaj ol mi. Temas pri nia estonto, kaj ni devas zorge kaj sentive atenti ĝin. Nia idealismo tute ne ekskludas pragmatan firman agadon por sukcesigo de niaj celoj.

*Antonio Marco Botella*

---




Tampereo Finnlando

### Aliĝoj

Ĝis la mezo de aprilo aliĝis 1970 personoj el 57 landoj. Tio aŭguras kongreson kun minimume 2500 partoprenantoj. Plej multnombraj estas, kompreneble finnoj (235); sekvas poloj (157), germanoj (154), japanoj (154), kaj francoj (130). Grandnombre reprezentiĝas ankaŭ Rusio, Nederlando, Italio, Britio, baltaj kaj skandinavaj landoj.

### Dogano, enveturo

Lige kun ŝanĝoj en Eŭropo, kelkaj informoj el la Dua Bulteno ne plu aktualas. Ĉar Finnlando ankoraŭ ne aliĝis al la traktato de Schengen, ankaŭ kongresanoj el landoj de Rŭropa Unio devas kunporti sian pasporton. Aliflanke, nun ili rajtas enporti iom pli da alkoholaĵoj ol antaŭe...

Bonvolu noti ke en la flughaveno de Tampereo *ne eblas* ŝanĝi monon.

### Loĝado

Estas elĉerpitaj la lokoj en dulitaj ĉambroj de la plej populara Hotelo Rantasipi kaj en unulitaj ĉambroj de la samkategoria Hotelo Villa. En Victoria restas nur unulitaj ĉambroj. Aliaj hoteloj plu ofertas liberajn lokojn.

Malmultekostaj gastejoj: Tute plenas la somerhotelo NNKY. Preskaŭ

plenas la aliaj somerhoteloj kaj la junularaj gastejoj. Troveblas lokoj ĉefe en ĉambroj kun kvar (aŭ pli da) litoj. Por la malmultaj restantaj lokoj en unu- kaj dulitaj ĉambroj necesas tre rapida mendo. Kristanoj nefumantaj ankoraŭ trovas lokojn en 4-5 litaj ĉambroj de hotelo Aabrahamin Maja.

## Antaŭkongreso

Tre populara aranĝo (17-22 julio, Turku). Preskaŭ cento ĝin mendis, sed rapidaj aliĝantoj ankoraŭ trovos liberan lokon.

## Ekskursoj

*Tuttagaj*: La plej granda intereso regas pri vizitoj al Raŭmo kaj Helsinko, sed ankaŭ la krozo laŭ la Arĝenta Linio estas tre populara. En ĉiuj ekskursoj haveblas lokoj.

*Duontagaj*: Alvenis pli ol 500 mendoj. Restas liberaj lokoj en krozado sur la lago, saŭnvizito, ekskursoj vesperaj kaj noktaj, kaj aliaj.

## Postkongresoj

Jam plenas la vojaĝo al Laponio, kaj apenaŭ restas lokoj en la busa ekskurso al Peterburgo. Ĝin eblas mendi nur post konsultiĝo kun la Centra Oficejo. Iom da liberaj lokoj estas en la impresa ekskurso "Perloj de la lagoregiono".

## Florsemajnoj

La kongresanoj povos ĝui la plej riĉan kaj dinamisman periodon de la Tamperea vivo, tiun de la florsemajnoj. La lokaj florvendistoj beligos la urbocentron, kaj dum la kongresa vendredo en la ĉefplaco funkcios giganta frandaĵtablo, kie pli ol 30 lokaj restoracioj vendos siajn specialaĵojn.

## Junularo

Pli riĉa kaj varia ol kutime dum la UK-oj, la junulara programo grandparte okazos en la junulara amasloĝejo, proksima al la kongresejo. Interesiĝantoj skribu al LKK.

## Arta programo

En la riĉa arta programo oni povos ĝui la ludon de aktorino Jadwiga Gibczyŭska, kaj muzikan teatro-spektaklon de la fama Peterburga E-teatro, kiu ĝis nun ne prezentiĝis en UK-oj.
La muzika programo konsistos el renomaj grupoj kaj solistoj: Kajto, Persone, Asorti, Ĵomart kaj Nataŝa, de Ruyter, Le Puil, Puhova, Bronŝtejn, Alaniz, kaj pluraj aliaj konataj artistoj movadaj.

## Universitataj kursoj

Por la unua fojo eblos viziti universitat-nivelajn kursojn dum UK, eĉ ekzameniĝi pri ili. Okazos du

kursoj, 4 x 90-minutaj, de Akademio Internacia de la Sciencoj: "Enkonduko al astronomio kaj astrofiziko" (gvidos profesoroj Amri Wandel kaj Hans Michael Maitzen) kaj "Enkonduko en la komputikon" (gvidos d-ro Mauro La Torre). La kursoj ebligos profundan studon, sed estos kompreneblaj por laikoj. Aŭskultontoj kiuj volas ricevi oficialajn universitatajn poentojn kaj ekzameniĝi, bv.antaŭanonci
sin al prof. d-ro Hans Michael Maitzen (Endemanngasse 6-18/1-/24, AT-1230 Wien, Aŭstrio).

**Aliĝkotizoj**

Parenteze aperas kotizoj por la landoj kun tarifo B.

Individua membro de UEA (IM) 324 (242); ne-IM 402 (302); komitatano/kunulo/junulo/handikapulo 242 (182).

Kongresa Komuniko-3.

## NEKROLOGO

Kun bedaŭro ni informas al nia legantaro, ke la 9an de la lasta aprilo forpasis la plej veterana membro de la Grupo Esperantista de Bilbao, samideano Luis de Otaola y Faon (1903-1995). Fervora kaj vigla aktivanto ekde lia esperantistiĝo en 1918, li estis multfoje estrarano kaj prezidanto de la Esperanto-Grupo de Bilbao kaj reprezentis ĝin tre ofte en naciaj kaj internaciaj kongresoj. La hispanaj veteranaj esperantistoj alkutimiĝis vidi lin en ĉiu esperantista kunveno, ĉiam sprita, bonhumura kaj impeta por la Esperanta afero... Li pace ripozu!

La estraro de HEF kaj la Redakcio de Boletín, esprimas sian sinceran kondolencon al la familio de la forpasinto kaj al la Esperanto-Grupo de Bilbao.



# Literatura konkurso
## de
## Fundación Esperanto

La patronaro de la Fundación Esperanto decidis, en kunsido okazinta la 22an de marto de 1995, organizi tradukan literaturan konkurson sub la nomo "**Premio Inés Gastón**" al plej bona esperanta traduko el novelo (rakonto) de hispana aŭtoro vivanta en la 20a jarcento. Vidu la regularon en Boletín n-ro 320, 32a paĝo.

# Esperanto sur lia vivovojo

Nunaokaze ni prezentas, en tiu ĉi intervjua rubriko, prestiĝan aktivulon, la min-inĝenieron kaj diplomatan scienculon, s-anon Juan Carlos Ruiz Sierra, kies senripoza strebado por Esperanto jam plurafoje alportis pozitivajn fruktojn al la Movado. Lastatempe, kaj danke al liaj denaska takto kaj pruvita diligenteco, la oficialaj instancoj en la ŝtata regurbo Madrido, kie li rezidas, atribuis la gravan titolon "Asocio por Publika Utileco" al nia tutalanda Hispana Esperanto-Federacio. Nu, ni lasu, ke s-ano Ruiz rakontu mem sian esperantistan vivon, kion tre kompleze li faktigas, afable respondante niajn jenajn demandojn:

*— Kie, kiam, kiel kaj kial vin interesis eklerni esperanton kaj aktivi en ĝia movado?*

— En septembro de 1977, s-ro Pedro Vilarroig Aroca, samideano kaj "komplico" en preskaŭ ĉiuj aventuroj, kaj mi, legis gluitan noton en trinkejo, anoncantan prelegon kaj sekvan inaŭguron de Esperanto-kurso, fare de Aŭgusto Casquero. Aparte de ni, ĉeestis ĝin kelkaj geamikoj, inter ili la kun la tempo fariĝinta mia edzino, ĉiuj konsiderinte, ke la ideo de universala lingvo, tiam io nova por miaj geamikoj kaj por mi mem, meritis la penon dediĉi unu horon tage al ties lernado. La kurso okazis en Madrido, en strato Hortaleza, tiama loĝejo de la societo "Madrida Esperanto-Liceo".

La personeco de gesamideanoj Casquero, Hernández Rey, González Aboín, Navareño, Ballester, Iruegas, Francisco Platas ktp., kune kun la eblecoj de Esperanto por la komunikado, forte frapis min, kaj mi kaj la grupo de geamikoj faris la bazan kurson kune. Mi profitis la kurson por havi la pretekston, krom koni pli bone Esperanton, ankaŭ mian poste fariĝintan edzinon Maribel, kun kiu apenaŭ mi kontaktis. Je la fino de la kurso, mi vojaĝis al Granada, por labora afero, kaj mi konvinkis Maribel-on, ke ŝi sendadu al mi leterojn kun la lecionoj de Esperanto. Ŝi tion faris ĝis mia reveno. Ŝi ankaŭ sendis al mi kasedon enhavantan la perfektigan kurson klarigitan monatojn poste de Juan Hernández Rey. Do danke al la diligenteco de mia edzino, mi daŭrigis mian Esperantan travivadon. Esperanto havigis al mi edzinon, mirindajn geamikojn kaj unikan perspektivon de la mondo.

*— En 1987, motive de la hef-kongreso en madrido, kadre de kiu oni jubileis la centjarecon de esperanto, la tiea lkk okazigis statistikan enketon inter la gekongresantoj. Ĉu vi, kiu ja estis la precipa motoro de tiu enketo,*

*propra sperte opinias similajn esplorojn pozitive utilaj, kaj tial periode farendaj en nia movado?*

— La kongreso de Madrido, kiel ĉiuj okazintaj en 1987, havis kontentigan rezulton. Entute 350 gekongresanoj prenis parton en ĝi, 60 el ili eksterlandaj, inter kiuj W. Auld. La enketilo havis du partojn:

1) preferoj pri laboraj, artaj, distraj kaj turismaj aktivaĵoj.

2) sincera opinio-esprimo de la esperantistoj en la hipotezo, ke nun aperus alia lingvo simila al Esperanto, sed rapide agnoskita kiel lingvo-ponto de la precipaj landoj. La enketon respondis 25% el la gekongresanoj. Mi fieras diri, ke la averaĝa respondinto havas jenan profilon:

a) De 50 ĝis 60-jaraĝaj;
b) Ili preferas la laborajn kaj artajn programerojn de la kongresoj;
c) Se ekzistus alia lingvo kun internacia alvoko, pli bone akceptata de la registaroj ol Esperanto, ili tuj ĝin eklernus. Akademiano William Auld aldonis al sia respondo: "Kvankam mi perdus la monon de miaj kopirajtoj koncerne al esperantaj libroj ne plu vendiĝontaj". Do, mi kredas utila la aferon koni la "pulson" de la esperantistaro de tempo al tempo, ĉar tiu konsulto fariĝis ege interesa.

— *Ĉu vi memoras iun kuriozan anekdoton el via esperantista vivo?*

— Mi ja memoras multajn. Unue mi diru, ke Esperantujo estas plena je altvaloraj homoj de ĉiuj gradoj pri aĝo, kulturo kaj socia kondiĉo. En mia propra esperantista vivo, mi multe riĉiĝis kiel persono, ĉar mi trovis pretekstojn kaj «komplicojn» por lerni muzikon (kun Pedro Vilarroig); Esperanton (kun J.J. Hernández Rey, A. Casquero, D. Keef kaj geedzoj Fighiera); propagandon (kun P. Villaroig); masonadon (kun A. Blasco); petadon de subvencioj (kun A. Casquero kaj Lupe Sanz), ktp...

Ekster la multaj interesaj anekdotoj kun esperantistoj el diversaj landoj, mi citu jenajn du:

1) En la centjara datreveno de la lingvo, en Varsovio la jaron 1987, mi prenis parton en internacia festivalo de amatoraj artistoj. En ĝi mi prezentis humurisme: "kiel gravedigi baloninon" (meti unu balonon en alian).

2) En 1985, en Beogrado, mi estis en internacia kongreso de mineraloj. Akompanis min en la adiaŭa bankedo esperantistino, kiun mi invitis. Ni

parolis Esperanton, kaj la aliaj en la angla lingvo. Agrabla sinjoro demandis al ni: "Kiu lingvo estas tiu? Mi konas multajn -li diris- kaj mi preskaŭ komprenas ĝin". Li multe ĝojis sciante, ke temas pri Esperanto. Poste mi informiĝis, ke tiu sinjoro estas la Ĝenerala Sekretario de UNIDO-ONUDI, gravega internacia organizacio de teknologio kaj sociekonomio. Post iom da tempo, mi ricevis de li inviton fari interesan kaj bone pagatan aktivaĵon teknikan en Peruo.

— *Kiel vi vidas la perspektivojn de progresigo de esperanto en nia lando?*

**54a HISPANA KONGRESO**
**SALOU 9-12 novembro 1995**

**Restadkostoj**
Hotelo "Belvedere"(***)

| | |
|---|---|
| ĉambromendo ....... | 500 |
| Dulita ĉambro ....... | 4.300 |
| Unulita ĉambro ..... | 5.100 |

La prezoj inkluzivas plenan pensionon kun vino kaj mineralakvo en la manĝo.
Eblos viziti «Portaventura»!

— Antaŭ ĉio estas necese agnoski, ke nunatempe la amas-medioj kaj la horoj perditaj en transportoj limigas multe la disponeblan tempon por kulturaj aktivaĵoj, kia fakte Esperanto estas. Tio estas pli evidenta en urboj kun pli ol 300.000 enloĝantoj. Krome estas la konkurenceco por atingi la unuan laborpostenon, la preskaŭa devigo aŭ bezono scii informadikon kaj anglan lingvon, plus la enorma monsumo necesa por aĉeti apartamenton, ĉio ĉi malebligas disponi liberan tempon por la spirito, por la arto, eĉ por la amikeco.

Rilate al Esperanto, mi konsideras, ke ankoraŭ restas kampoj por semi, en lokoj kiel centroj de kulturo, kulturaj domoj, junularaj asocioj, ateneoj kulturaj ktp., tio estas, asocioj kun lokoj kaj membroj, kiuj kelkafoje serĉas ideojn kaj instruistojn. Kaj oni ne forgesu, ke skoltaj organizacioj, vegetaranaj asocioj, spiritaj grupoj, politikaj partioj, blindulaj asocioj...iam havis rilaton al Esperanto. Eble nun estas la momento por trejni malmultajn, sed bonajn instruistojn kaj ilin proponi al eksteraj grupoj. En la lastaj jardekoj la personoj iris al la esperantaj kluboj. Eble nun la esperantistoj devus iri al aliaj asocioj. Tiucele, povus ankaŭ utili preparo de inda Hispana videofilmo pri Esperanto, je 15-minuta daŭro, kaj ĝin cirkuligi en lernejoj kaj asocioj. Ĝia enhavo povus inkludi kelkajn interesajn trajtojn de la lingvo kaj la Movado, en pragmata kaj moderna stilo. Por tiu ĉi aktivaĵo eble oni povus atingi subvencion.

Intervjuis: *Velus*




**Barcelono**

La organizantoj de la Tria Internacia Kultura kaj Turisma Esperanto-Semajno informas al niaj legantoj pri la okazigo de tiu evento, ĉi-jare en Salou, de la 4a ĝis la 11a de novembro 1995.

La bela Mediteranea urbo Salou, ĉe la Taragona marbordo, estas de turisma vidpunkto tutmonde konata kaj ĉiujare amase vizitata de miloj da turistoj, precipe eŭropanoj. Jen kial oni nomas ĝin "Eŭropa Plaĝo": milda klimato, trankvila maro, revovekaj plaĝoj kaj ĉieloj, igas tiun allogan lokon celo por plaĉa somerumo.

La "Semajno", sub aŭspicio de Hispana Esperanto-Muzeo, kaj organizita de "Hispana Esperanta Fervojista Asocio" elektis kiel restadejon kaj konvenan kunvenejon "Hotelo Belvedere", kun preskaŭ 400 ĉambrojn kun banujo, telefono kaj aliaj komfortaĵoj. Ĝi situas en la centro de SALOU kaj apenaŭ 300 metrojn for de la plaĝo.

| | |
|---|---|
| La aliĝkotizo kostas | 3.500 |
| Ĉambromendo | 500 |
| Dulita ĉambro | 4.300 |
| Unulita ĉambro | 5.100 |

La prezoj inkludas plenan pensionon, por tago kaj persono kaj manĝoj kun vino aŭ minerala akvo. La interesan kongresprogramon ni baldaŭ publikigos.

Bonv. sendi la kotizon kaj ĉambromendon, prefere per poŝtmandato por eviti aldonajn kostojn, al jena centro: "La Caixa" 2100 3028 25 2200290294. Barcelono. Hispanio. Informojn petu al jena adreso: Hispana Esperanta Fervojista Asocio — Poŝtkesto 15027. ES-08080 Barcelona. Hispanio.

**Premio Klara Silbernik-1995**

La Komisiono ĉiujare elektanta la Premion "Klara Silbernik" aljuĝis la ĉi-jaran al s-ino Maribel ALONSO, de Madrido, pro ŝia konstanta apogo al sia edzo, samideano Juan Carlos Ruiz Sierra, en lia strebado por Esperanto en la hispana ĉefurbo

kaj ankaŭ naciskale. Laste elstaris lia penado por atingi de la hispana registaro la deklaron de Hispana Esperanto-Federacio (HEF) *Asocio kun Publika Utilo*.




La Premion oni transdonos kadre de Hispana Esperanto-Kongreso kaj 3a Internacia Kultura kaj Turisma Esperanto-Semajno, okazonta en SALOU, de la 4a ĝis la 11a de novembro 1995.

La estraro de HEF kaj la Redakcio de Boletín, dankas la konceran Komisionon kaj gratulas la geedzojn Ruiz-Alonso.

**Sabadell**

Je la fino de pasinta februaro esperantistoj de tiu ĉi kataluna urbo akceptis en Barcelono la prestiĝan brazilan esperantiston Sylla Chaves, iama membro de la Akademio de Esperanto kaj aŭtoro de pluraj Esperanto-verkoj. S-ro Chaves kunvenis en Sabadell kun samideanoj de tiu loka Esperanto-Centro kaj konversaciis pri problemoj de la Esperanta Movado en la mondo. La sekvantan tagon, kelkaj el tiuj esperantistoj akompanis la brazilanon ĝis la societo "Amikoj de UNESKO", kie s-ro Chaves prelegis antaŭ ol forlasi nian landon revene al Brazilo.

Niaj kolegoj de Sabadell ankaŭ informas pri la okazigo de Esperanto-kurso ĉe l' "Aula de Sant Josep" de la urbo L'Hospitalet de Llobregat (Barcelono), de la 3a de marto ĝis la 6a de junio ĉi-jaraj. Gvidas ĝin nia kolego Martí Guerrero i Cots kaj partoprenas tiun elementan kurson 15 junaĝaj gelernantoj.

Ni deziras sukceson al la organizantoj.

**Radio-Informoj**

Du novaj Esperanto-programoj naskiĝis. Sendu informojn kaj eldonaĵojn al ili por helpi ilian agadon. Kuraĝigu ilin per viaj leteroj kaj propagando. Skribu al la Redakcioj de: Punt 6 Radio Esperanto-Redakcio / "Internacia Voĉo" / Rabal de Rabuster n-ro 7 ES-43204 Reus (Tarragona) Hispanio.
Frequence 4 / Esperanto-Redakcio / "La Ponto" BP 36 / FR-33015 Bordeaux Cedex. Francio.

Esperanto-programo ekzistas en Tuluzo de 1988 en Radio FMR. Ĝin sukcesis pluvivigi Floréal Martorell, Rikardo Cash kaj aliaj membroj de EUROKKA kaj Espe-

ranto-Kultur-Centro en Tuluzo. La aktivado de la Tuluza Esperanto-Redakcio ampleksiĝis kaj ebligis malfermi du novajn Esperanto-programojn en du pliaj radio-stacioj de la urbo. Temas pri Radio Kanalsud' kaj Radio Okcitanio. Tiuj novaj esperanto-programoj similas en la tri radiostacioj kaj nomiĝas "Esperanto-magazino de Tuluzo". Ili disaŭdiĝas laŭ jenaj horaroj kaj frekvencoj:

-Ĉiulunde de la 20a ĝis la 21a ĉe Radio Kanalsud', 92,2 MHZ.
-Ĉiuĵaŭde de la 19a ĝis la 20a ĉe Radio Okcitanio, 98,3 MHZ.
-Ĉiuĵaŭde de la 19a ĝis la 20a ĉe Radio FMR, 89,1 MHZ (redisaŭdigo de la elsendo lunde en Kanalsud').

La 29an de majo, nia samideano Miguel Gutíerrez vizitis Tuluzon kaj estis intervjuita de nia tuluzaj kamaradoj, kun disaŭdigo de la kanzono *Kie ne plu*, kies muzikon komponis "Solo" surbaze de teksto de Liven Dek

Oni esperas, ke de nun vi informos kaj kunlaboros kun tiuj Radio-programoj.

## Ankaŭ per Hispana televido

La pasintan 17an de aprilo, en la paĝo 204 de Teleteksto de la oficiala hispana televido, sub la titolo "Tambien sucedio" (Ankaŭ okazis), inter la forpasintoj menciitaj tiun tagon aperis D-ro Luis L. Zamenhof, kreinto de la internacia lingvo Esperanto, forpasinta la 17an de aprilo de 1917.

Gravas ĉiam, ke oni kalkulu pri niaj homoj kaj nia Movado!

## Alvoko al ĉiuj Ŝak-amantoj

"EŜLI" (Esperanto-Ŝako Ligo Internacia), invitas ĉiujn ŝakamantojn ŝakludi per korespondado konstantajn turnirojn je pluraj niveloj. Interesatoj bonvolu skribi al la Peranto: Miguel Angel Martin; Asín y Palacios, 28-B, 7ª. E-50009 Zaragoza. Hispanio.




3. ŝak-pecoj = figuroj; 4. soldato = peono; 5. kuriero; 6. ĉevalo; 7. turo; 8. damo; 9. reĝo

## Verona (Italio)

Kiel jam anoncite al nia gazetaro, la Esperantista Grupo de Verona (Italio) aranĝos Internacian Esperanto-Festivalon, kiu okazos en Verona, en junio 1996. La temo de la Festivalo estos: "Universaleco de la legendo de Julieta kaj Romeo - Universaleco de la Internacia Lingvo Esperanto".

Enkadre de la riĉaj kaj variaj festivalaj programoj, la organiza komitato, sub gvido de Salvatore Argentino, lanĉas ankaŭ pripoezian, esperantlingvan konkurson, al kiu povas partopreni kiu ajn esperantisto, el kiu ajn lando, per alsendo de unu ĝis tri poemoj, ĉiu en 6 kopioj, el kiuj nur unu surhavu la nomon kaj adreson de la konkursanto. La poemojn oni alsendu al jena adreso: Gruppo Esperantista Veronese, C.P. 1616 Verona, Italio, plej malfrue ĝis la 31a de Decembro 1995.

Internacia juĝkomisiono, kies sekretario estas Aldo de ' Giorgi, atribuos premiojn, kiuj konsistas el diplomoj, oraj medaloj kaj senpaga restado en Verona dum la Festivalo.

*Aldo de'Giorgi*

Samarkando

La Internacia Muzeo de Paco kaj Solidareco en la antikva 2500-jara Samarkando (Respubliko Uzbekistano) serĉas partnerojn, kunlaborantojn kaj subtenantojn en la tuta mondo. La muzea kolekto ampleksas pli ol 15.000 diversajn eksponaĵojn el 100 landoj pri la universalaj valoroj kaj la plej gravaj globskalaj problemoj. Oni korespondas Esperante.

Samarkandaj aktivuloj preparis la *unuan* E-lernolibron por uzbeklingvanoj (enhavantan 12-lekcionan gramatikon kaj du vortaretojn: Uzbeka-Esperanta kaj Esperanta-Uzbeka) samkiel Uzbeka-Esperanta-Rusan kaj laŭteman konversacilibron. La grava problemo estas eldoni tiujn gravajn bazajn librojn en la nunaj malfacilaj ekonomiaj cirkonstancoj, por kies celo ni petas la internacian helpon de la esperantistoj. Kontribuoj estas sendeblaj al UEA-konto kaj al la koncernaj responsuloj ĉe: Internacia Muzeo de Paco kaj Solidareco. P.O. Box 76. 703000 Samarkand. Uzbekistano. Komunumo de Sendependaj Ŝtatoj. Antaŭdankon al ĉiuj!

---




★ 49-jara norvega sinjorino lernanta esperantan kaj hispanan lingvojn kaj praktikanta plurajn sportojn dez. kor. kun hispanoj pri literaturo, historio, lingvoj ktp. Adreso: Kari Hopland; Lyngbakken 28 B. 4340 Bryne. Norvegio.

★ Lernantoj el pluraj Esperanto-kursoj ĉe Litova Esperanto-Asocio dez. kor. kun esperantistoj el la tuta mondo pri plej diversaj temoj. Bonvolu adresi viajn leterojn al: Litova Esperanto-Asocio a/c Aristóphio Alves Filho, a.d. 167, LT-3000 Kaunas. Litovio.

Aplikado de Esperanto en la Ekonomia vivo

# Komercaj ĉambroj

Ĉe ajna propono ĉiam eblas optimisma kaj pesimisma sintenoj. Tial ne strangas, ke rilate la aplikadon de nia internacia lingvo en ekonomia kampo, la opinioj estas malsamaj, eĉ kontraŭaj. Pri ties kaŭzoj, oni povas skribi multe: travivaĵoj, edukado, karakteroj, temperamentoj, interesoj, antaŭjuĝoj kaj celoj determinas, ke ĉiu persono -esperantista aŭ neesperantista- montras sian propran emecon pri nia afero. Kiel deirpunkto, tio kontentigas, ĉar almenaŭ indiferenteco forestas. Tamen, tia situacio ne elteneblas daŭre, ĉar konstanta malakordo sine de ajna organizo malhelpas ties evoluon.

Bonsorte, tre ofte, malsamaj opinioj fontas rekte el miskomprenoj aŭ misinformoj, ne el malica volo. Tio okazas, ekz-e, kiam oni parolas pri la eblecoj uzi Esperanton profitcele. Bedaŭrinde, tamen, la senpera rezulto estas manko de perspektivoj.

Lastatempe AEU kontaktis la Komercan Ĉambron de Malago kaj havigis al ĝi raporteton pri entreprenoj (kaj ties agado) situantaj en Ĉinio, Ĉeĥio, Ukrajno, Madagaskaro, k.a. La celo estas havigi al la hispanoj la plej akuratajn kaj fidindajn informojn (Esperante kaj hispane) pri alilandaj komercaj, industriaj k.a. firmaoj.

Kompreneble nia asocio (AEU) nur aktivas por nia internacia lingvo. Tamen, kaj ĝuste pro tio, ĝi iniciatas kaj plenumas ekstermovadajn agadojn, kiel ĉi tiun, favorajn al la rekono kaj aplikado de Esperanto fare de neesperantistoj. Ni estas certaj, ke de tio dependas grandparte ĝia estonto. Tial ni petegas alilandajn samideanojn, ke ili kolektu la plej interesajn informojn pri la agado de entreprenoj funkciantaj je internacia nivelo en siaj respondaj landoj kaj sendu ilin al: Andaluzia Esperanto-Unuiĝo; Poŝtkesto 864. E-29080-MALAGA. Hispanio.

Ni publikigos ilin senpage en nia trimonata revuo "Gazeto Andaluzia" kaj, ankaŭ senpage estos havigataj al la Komerca Ĉambro de Malago (Hispanio), por ke ĝi aperigu ilin en sia perioda publikaĵo "Promocion de comercio exterior, ofertas y demandas de productos" (Iniciato de Ekstera Komerco, Ofertoj kaj Demandoj de Produktoj).

Krom tio, AEU projektas helpi ankaŭ alilandajn samideanojn, por ke ili mem disvastigu en siaj propraj landoj sciigojn rilatajn al hispanaj entreprenoj. Por plenumi tiun agadon AEU bezonas daŭran kunlaboron de la hispana esperantistaro. Mi estas certa, ke inter ni estas multaj personoj kapablaj kolekti la respondajn informojn.

Fine, se en la nacilingvaj gazetoj aperas sennombraj anoncoj de servoj kaj varoj direktitaj rekte al la hispana klientaro, kial ne publikigi tiuspecajn reklamojn en niaj esperantaj gazetoj? Ne temas pri eblaj enspezoj, sed, pleje, pri la valorigo de nia lingvo.

Estas sciate, ke ni devas fosi nian sulkon, t.e. Esperanto progresos per la agado de la esperantistaro. Tamen utilas kaj necesas klarigi, ke finance kaj prestiĝe tio dependas de la favora sinteno de la socio. Tial la pravigo de ajna klopodo aplikadi serioze la lingvon profitcele ankaŭ ekster la Movado.

*Andrés Martin*




KOMERCAJ ANONCOJ POR APLIKADO DE ESPERANTO

**Latvia Esperanto Asocio** informas vin pri eblecoj tranokti en Latvio dum vojaĝo al la 80-UK en Tampereo.

Hotelo "Laine" str. Skolas II, dulita ĉambro kun necesejo, duŝejo, TV, k.a. kun matenmanĝo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 50 USD
Unulita ĉambro sen duŝejo, necesejo, k.a. kun matenmanĝo . . . . . 20 USD

Pri aliaj eblecoj: plurlitaj ĉambroj, amasloĝejo, programo k.a. petu informojn al: Mara Timermane; Kr. Valdemara 145/ I-32. Riga. LV-1013, Latvio.

**Proponas** turismajn kontaktojn kun ĉiuj landoj; akvo- kaj gas-tubojn de metalurgia uzino, sportajn aviadilojn: Gennadij S. Mitrofanov, p.k. 36, RU-347924 Taganrog-24 Rostovskoj obl., Rusio.

**Ĉapelilo 1.0** Komerce pretigita tekstoprilaborilo por Esperanto sur IBM kongruaj komputiloj (Vindozo 3.0). Skaleblaj tiparoj por ĉiuj aplikoj. Enkonduka prezo nur 200 germ. markoj plus ekspedo. Professional Consulting, s-ro Pejno Simono, Am Füllgarten 4, D-61250 Usingen. Germanio.

# Libroservo de HEF

Petu senpage la katalogon

Bonan legadon!

**Libroservo de HEF**
**Apartado 119**
**47080 Valladolid**
**Tel: 983-26-00-86**



# ... kaj viglas plu

★ La staĝo en Agde (Francio), organizita de Cercle Biterrois d' Esperanto, estis aparte sukcesa. En ĝi partoprenis la sekretario de la Akademio de Esperanto, Jean Thierry, kaj nia samideano Miguel Gutierrez, kiu poste vizitis Tuluzon, kie oni intervjuis lin ĉe loka radiostacio.

★ La eldonejo *Pro Esperanto* en kunlaboro kun *Fundación Esperanto* de HEF daŭre eldonas tre interesajn volumojn. La lasta estas represo de la verko de Zamenhof *Lingvaj respondoj*, kiun oni povas mendi de la Libroservo de HEF. Ankaŭ aperis libro por franclingvaj komencantoj *Vivi estas miri* (Claude Pirón), kaj la angla versio de la verko de Trevor Steel *Remember and Forget* (Memori kaj forgesi). HEF gratulas la eldonejon kaj deziras al ĝi sukceson.

★ Post la apero de la libroserio *Future*, jen Grupo Nifo lanĉis la tiom longe anoncitan serion *Orbito nula*. Kompreneble, ĝi akireblas jam ĉe la Libroservo de HEF, Apartado 119, 47080 Valladolid. Tel: 983-26-00-86.




**91-446-80-79**

**24 horojn tage, respondile kaj faksile**

# LISTO DE LIBROJ
# LASTE ALVENINTAJ AL LA BIBLIOTEKO DE H.E.F.

*Apenaŭ papilioj en Bergen-Belsen* far Steele Trevor eldonis Pro Esperanto, 1994 kolekto Originala Literaturo

*Esperanto - un idioma para hacer amigos* Curso básico. Libro + 2 kasedoj far Santos Morales Luis Jorge eldonis Centros de Idiomas Winston-Salem, 1993

*Sferoj 8* sf-o kaj fantasto eldonis M. Gutíerrez, 1993

*Sferoj 9* sf-o kaj fantasto eldonis M. Gutíerrez, 1994

*Jen Londono!* far Lewesdon John. Eldonis Wills & Hepworth ltd., 1971

*Tiu toskana septembro* far Corrado Tavanti - Ertl Itsván. Eldonis Hungara E-Asocio, 1990.

*Kie boacoj vagadas* far Salovaara Eija. Eldonis Pro Esperanto (Originala Literatura 11), 1994.

*Glaŭka lum'* pluraj aŭtoroj. Redaktis Philippe Benoit. Eldonis Pro Esperanto (Originala Literaturo 9), 1994.

*4 Sezonoj — Hajkoj en 4 lingvoj.* Kolektis Nezami Marjam. Eldonis A. H. Varzande (Tehrano), 1994.

*Japana esearo n-ro 1* far Yamasaki Seikô k.a.. Eldonis Libroteko Tokio, 1994.

*Kritikoj de recenzoj* far Reiersol Olav. Propra eldono, 1993.

*Matematika kaj stokastika terminaro esperanta* far Reiersol Olav. Eldonis Universitato de Oslo, 1987.

*Brazila antologio poezia* kolektis Lorenz Francisco Valdomiro. Eldonis Spirita Societo Lorenz, 1994.

*Vivo feliĉa* far Pereira Franco Divaldo. Eldonis Spirita Societo Lorenz, 1994.

*Almanako Lorenz 1992.* Eldonis Spirita Societo Lorenz

*Almanako Lorenz 1995* Eldonis Spirita Societo Lorenz.

*Anuario espírita* 1993 (hispanlingve). Eldonis Instituto de Difusáo Espírita, 1993.

*Esperanto kiel revelacio* (dulingva: portugala/e-o) far Cándido Xavier Francisco. Eldonis Instituto de Difusáo Espírita, 1985.

*Gramatika ekzercaro de Esperanto* far Pawel Bielinski Jozef. Eldonis Pola Esperanto Asocio, 1990.

Bydgoszcz (turisma gvidlibro) far Wojciak Jerzy. Eldonis Centralny Informacji Turystycznej Bydgoszcz, 1988.

*Obseditaj de dio* far Kossak Zofia. Eldonis Zofia Kossak-Societo, 1989.

## Ĉu vi jam kotizis por 1995?

| | |
|---|---|
| Membreco kun "Boletín" . . . . | 3.000 |
| Emerito, junulo, senlaborulo . | 2.250 |
| Asocio aŭ Grupo . . . . . . . . . | 6.000 |
| Por e-istaj societoj 10 ekz. . . | 15.000 |
| Dumviva membro . . . . . . . | 200.000 |
| Eksterlanda abono . | 50 NLG aŭ ekvivalento |

Konto-numero de HEF ĉe Caja Postal n-ro 14.011.966.

El tiom da proponoj pri poluroj, modifoj kaj reformoj,

# ¿KÍO BONAS POR LA LINGVO, KÍO BONAS NUR POR LA FAJRO?

[1] La akompana tabelo klopodas sistemigi pri la proponoj reformi nian alfabeton kiujn mi iel-iom konas. La kunigaj krampoj {...} enhavas aldonaĵojn de mi faritajn por teoria kompleteco; se ili ne jam estis proponitaj, jen mi malavare donacas ilin al kiu ajn volos pri ili.

[2] (1a) kaj (1b) ekzemplas respektive pri la oficiala normo ortografia de E kaj pri ĝia surogato se oni ne disponas la ĉapelulojn. (1c), pri la grada malapero de ĥ, kaj pri la eventuala maloftiĝo de ŭ.

[3] (2a) prezentas formojn foje uzatajn se oni ilin disponas, sed ne la ĉapelulojn. (2b) ekzemplas pri la x-alfabeto kiun niaj komputilistoj provizore akceptis por interna uzo (ja ne por fina publikigado de tekstoj), en atendo ke grade la komputiloj ĉesos esti krude primitivaj por kompostado.
Ekzemplo.- La figuroj ĉ, Ĉ, estis formataj per ordinara skribmaŝino, kombinante la signojn ^, c, C kaj ?, o, /, ^, ", kaj uzante la neforviŝantan retroklavon, la mortajn klavojn kun diakritaj signoj, kaj la turneblan cilindron.
Ja estas vere mirige, ke tiajn kombinojn oni ne povas fari per ordinaraj komputiloj (kvankam ja certas kaj eĉ parte jam estas fakto, ke baldaŭ ĉiuj ordinaraj komputiloj kapablos pri ĉio ĉi, kaj ne nur por ĉiuj lingvoj, sed ankaŭ por matematikaj formuloj, ktp).

[4] Ĉio dirita en [2] kaj [3] apartenas al E kaj al ĝia vivado kaj funkciado, sed la ceteraj propontipoj, de (3) ĝis (11), estas fremdaj al tiaj vivado kaj funkciado.

Pri ĉi lastaj ne aperas tie ĉi detalo, ĉar spaco mankas por tio: En la tabelo temas pri proponoj ekde 1894 ĝis 1995; iuj, kiuj modifus nur nian alfabeton, kaj aliaj kiuj vaste modifus ankaŭ la vortostokon kaj/aŭ la gramatikon; iuj, kiuj respektus nian sonsistemon, kaj aliaj kiuj ĝin modifus; iuj faritaj de fakuloj, kaj aliaj de laikoj; iuj originalaj, kaj aliaj koincidaj kun pli fruaj proponoj (¡eĉ kun Ido!), ktp.

[5] Estas vere ŝokaj la ekkrioj de preskaŭ ĉiuj reformproponantoj: Laŭ ili, ni estus katenitaj de nia alfabeto, ĉar pro ĝi la sola moderna aparato uzebla



por Esperanto estus la globkrajono (!?). Ankaŭ, ke de tiaj katenoj ni povus liberiĝi nur akceptante iliajn proponojn kaj tiele savante Esperanton (!?). Ke por tion atingi sufiĉus ke ni sidiĝus kaj tajpus, ktp. Kaj, certe, la plej delira el tiaj ekkrioj estas tiuj akompanantaj la proponon (5bc...), ĉar ili eĉ volus munti "solenan deklaracion de la tria jarmilo, suplemente al la Deklaracio de Bulonjo en 1905 kaj aniĝante al la nova kulturo, tiel ke ni ĉiuj, kaj la Akademio de Esperanto ĉepinte, nuligu nian oficialan alfabeton kaj akceptu kaj defendu la alfabeton novan", ktp.

[6] Ĉar spaco mankas por adekvate komenti pri la tabelo, ni rekte plonĝu en la plej gravan aferon:

— Uzado de alfabeto (1b) renkontus nenian proteston aŭ problemon ĉe skribado, tajpado, kompostado, komputilado, telegrafado, legado ks: Do, la asertoj pri senĝena uzebleco cititaj en [5] validas, unuavice kaj antaŭ ĉio, por (1b) (kaj baldaŭ plej libere kaj riĉe ankaŭ por (1a)), tiel ke ĉiaj kvazaŭ-kondamnoj kontraŭ (1b) estas nura kapricado de tiuj personoj.

— La E-uzantoj disponas jam de pli ol unu centjaro la rajton uzi la surogatan h-alfabeton (1b), sed tute ne volas uzi tian rajton, ĉar ili volas nur pri la principa ĉapel-alfabeto (1a): Ĉe tia fakto, ¿kíal, kíel, oni povus saĝe esperi ke tiuj uzantoj volus pri dua, tria aŭ centa nova alfabeto, kiu simple estus surogata al la jam surogata (1b)?.

— Konklude: Kiu ne volas pri (1a), tiu agos saĝe nur sub jenaj tri kondiĉo rilate al la ordinara skribado de E: (a) Ke li uzadu nur (1b). (b) Ke li konstante admonadu la ceterajn E-uzantojn agi same. (c) Ja ke li ĉesu pliŝveligi la apudan monstran tabelon, kies sola rezulto kaj utilo ja povas esti nur pisti nian cerbon kaj inciti nian galon per la ĉiam samaj kaj al Esperanto fremdaj sensencaĵoj.

*Antonio Alonso Núñez*

(N-ro) A.- Ekz. pri ĉapeluloj B.- Ekz. pri hiatoj C.- Ekz. pri diftongoj

(1a) ĉie ĝi ĵetu ŝin ĥore — aa, ae, eo; ai, ia: au, ua — aj, aŭ; ja, ŭa
balaa, balae, paseo; balai, gaino, gaineto; balau, praulo, prauleto; varia, liano, lianeto; vakua, vualo, vualeto — belaj, gajno, gajneto; baldaŭ, fraŭlo, fraŭleto; barja, ljamo, ljameto; *vakŭa, kŭakso, kŭakseto [ŝtono, ŝanĝiĝi]

**(1b) chie ghi jhetu shin hhore — aa, ae, eo; ai, au; ia, ua — ji, au; ja, ua**
[ĉie/ chie...] [shtono, shanghighi] [marŝalo/ marshalo, marshalo/ mars'halo] — [balau/ bala'u, duaksa/ du-aksa, vualo/ (vu'alo), baldau, kuakso]

**(1c) ĥemio/ kemio, ĥore/ koruse — [baldaŭ/ bald/ balde] [baldaŭa/ balda]**
[malaperus la litero kaj sono ĥ] [la litero kaj sono ŭ iĝus malpli ofta]

**(2a) [c'ie, čie, ċie, <cie, c^ie, cîe,...] — [aù, aü, aû,...]**

**(2b) cxie gxie jxetu sxin hxore/ koruse — aa, ae, eo; ai, au; ia, ua**
baldaux/ [balde], kuxakso [sxtono, sxangxigxi] [nur por internaj bezonoj de komputilado]

**(3a) cyie gyi jyetu syin hyore/ koruse — aa, ae, eo; ai, au; ia, ua — aj, aw; ja, w**
[sytono, syangyigyi] [analoga al (2b), tamen per y anstataŭ x]

**(3b) Cie Gi Jetu Sin Hore/ koruse — aa, ae, eo; ai, au; ia, ua — aj, aU; ja, Ua**
[celo→celo, ĉelo→Celo, selo→selo, ŝelo→Selo] [stano→stano, ŝtono→Stono; sangigi→sangigi, ŝanĝiĝi →SanGiGi; praulo→praulo, fraŭlo→fraUlo] {eblus ŝparo per inversigo: praUlo, fraulo}

**(4a) aj, wa; ja, wa (4b) ay, aw; ya, wa**

**(4c.1) ...ĝi/ ghi [ĵetu/jhetu]... — aa, ae, eo; ai, au; ia, ua — aj/ay, aŭ/aw; ja/ ya, ŭa/wa**

**(4c.2) ...ji [ĵetu]... — aa, ae, eo; ai, au; ia, ua — ay, aw; ya, wa**

**(5a) chie dji jetu shin koruse — aa, ae, eo; ai, a; ia, ua — ay, au/ aw; ya, ua/ wa**
[shtono, shandjidji] [cico→citso, pr. cico]

**(5b) chie ji zhetu shin khore/ koruse — aa, ae, eo; ai, au; ia, ua — ai, au; ya, wa**
[shtono, shanjiji] — [hiatoj: gaino, praulo] — [diftongoj: gaino, fraulo; ya, lyamo, wa, kwakso] [aldone, kaj sen prononcoŝanĝo: akvo→aqvo, sekvi→seqvi, teksto→texto, ekzameno→exzameno]

**(5cdefghij) chie...** kiel en 5b **— aa, ae, eo; ai/ aï/ {a'i}; au/ aü/ {a'u}; ia, ua — ai/ aĭ, au/ aŭ; ya, wa**
[hiatoj: gaino/ gaïno/ {ga'ino}, praulo/ praülo/ {pra'ulo}] — [diftongoj: gaino/ gaĭno, fraulo/ fraŭlo]

**(5k) aa, ae, eo; {ay, aw}; ia, ua — ai, au; ya, wa**
{do, eblus ŝparo per inversigo: hiatoj: gayno, prawlo. — diftongoj: gaino, fraulo}

**(6a) chie qi yetu shin xore/ koruse — aa, ae, eo; ai, au; ia, ua — aj, aw; ja, wa**
[shtono, shanqiqi]

**(6b) {qie ji jhetu xin hhore/ koruse} — aa, ae, eo; ai, au; ia, ua — ay, aw; ya, wa**
[xtono, xanjiji]

**(6c) {qie ji &etu çin/ koruse} — aa, ae, eo; ai, au; ia, ua — ay, aw; ya, wa**

**(6d) {eblus ŝparo per inversigo en 6bc: hiatoj: aa, ae, eo; ay, aw; ya — diftongoj: ai, au; ia, ua}**
{paralela ludo ŝpariga eblus en ĉiuj kazoj, eble ankaŭ nur per duonoj, kiel en (3b) kaj (5k)}

**{7a, parte} txie dji jetu xin hhore/ koruse — aa, ae, eo; ai, au; ia, ua — ay, aw; ya, wa**
[s, ŝ, z, ĵ → s, x, z, j], el kio [c=(ts), ĉ=(tx), (dz), ĝ=(dj) → ts, tx, dz, dj] [cico→tsitso, lacego→latsego, latsego→lat'sego, lu'ĉako→lutxako, lut'ŝako→lut'xako, edzo→(ed'zo)] [xtono, xandjidji]

**(7b) txie tci cetu xin qore/ koruse — aa, ae, eo; ai, au; ia, ua — aj, ay; ja, ya**
[kiel 7a, surbaze de [s, ŝ, z, ĵ → s, x, z, c] [cico→tsitso] [xtono, xantcitci] [do, y por ŭ]

**(7c) tcie dqi qetu cin ¿hhore/ koruse? — aa, ae, eo; ai, au; ua, ua — ¿aj/ ay, aw; ¿ja/ ya?, wa**
[kiel 7a, surbaze de [s, ŝ, z, ĵ → s, c, z, q] [cico→tsitso] [xtono, xandqidqi] [teksto→texto, ekzameno→examenо; pr. ks.] [¿ĉu nur por internaj bezonoj de komputilado?]

**(8a) cie ¿ji/ dji? jetu shin koruse — aa, ae, eo; ai, au; ia, ua — ay, aw; ya, wa**
[laĉo→laco, laco→?, ĵeto→jeto, ĝeto→?]

**(8b) chie ji jetu shin koruse — aa, ae, eo; ai, au; ia, ua — ay, aw; ya, wa**
[shtono, shanjiji] [j ricevus jen la sonon ĵ, jen ĝ, jen oni tolerus ambaŭ; do, krom la kutima h, malaperus dua sono]

**(8c) chie yi yetu shin koruse — aa, ae, eo; ai, au; ia, ua — aj, aw; ja, wa**
[shtono, shanyiyi] [kvar→qar (pr. kŭar), sekvi→seqi (pr. sekŭi), teksto→texto (pr. ks), ekzameno→exameno (pr. ks)] [aĵo→ayo, aĝo→adyo, ĵeto→yeto, ĝeto→¿dyeto/ yejto...?] [la sono de y, kiel tiu de j en 8b]

**(8d) qie ji jetu xin koruse — aa, ae, eo; ai, au; ia, ua — ay, aw; ya, wa**
[xtono, xanjiji] [aĵo... analoge al 8c; eble ankaŭ anĝelo→angelo, ktp] [la sono de j, kiel en 8b]

**(9a) cie yi yetu xin qore/ koruse — aa, ae, eo; ai, au; ia, ua — aj, aw; ya, wa**
[xtono, xanyiyi] [aĵo... kiel en 8c] [prononco de y, kiel en 8c] [krome: ŝin, teksto, ekzameno → xin, texto, exameno; pr. de x estus ks, kvankam oni "tolerus" ŝ] [krome, malaperus tria sono: cico→zizo, lazo→lazo, laco→¿lajzo?; pr. de z estus kiel th en angla thin kaj z en hispana zas (fonetika simbolo, θ), kvankam oni "tolerus" la E-sonon de z]

**(9b) cie ji jetu xin koruse — aa, ae, eo; ai, au; ia, ua — ay, aw; ya, wa**
[xtono, xanjiji] [aĵo... analoge al 8c] [la sono de j, kiel en 8b] [krome, malaperus tria sono: laĉo→laco, laco→?; la prononco de c jen estus c, jen ĉ, jen oni tolerus ambaŭ] [krome: kvar, akvo, igvano → quar, aquo, iguano; pr. kŭar, akŭo, igŭano] [krome, ekzistus ŝanĝoj de aliaj vortoradikoj]

**(10a) {cie/ cje/ pu gi jetu zin koruse} — aa, ai, au; ia, ua — ay, aw; ya, wa**
[malaperus la ses specialaj literoj kaj iliaj sonoj] [Kaj oni devus ŝanĝi amason da radikoj: ĉapelo, anĝelo → capelo, angelo; jena, ĝena → jena, jejna (aŭ kio ajn)]

**(10b) partutu lu/ ho jetan elu koruse — aa, ae, eo; ai, au; ia, ua — (diftongoj ekzistus nur ja, je, ji, jo, ju)**
[malaperus la ses specialaj literoj kaj ses sonoj; tamen, c ricevus la sonon de ŝ, kaj z tiun de c; ĉe bezono indiki la "fremdlingvan" sonon ĥ oni uzus kh] [oni ŝanĝus amason da radikoj, krome ĉiuj estus latinidaj, kun dishakigo de la korelativa tabelo: ĉie→partutu, ŝtono→pietro, ŝanĝiĝi→aliigiska, ktp] [krome, oni aliigus finaĵojn, gramatikajn regulojn, ktp] [temas pri la reformo kiun Zamenhof proponis en 1894, ja kun abomeno, sed ne povante ne cedi antaŭ difinitaj fortoj; feliĉe oni ne akceptis ĝin]

**(11) omne gi/ xi jektu shin koruse — aa, ae, eo; ai, au; ia, ua — aj, aù/ aw; ja, (wa)**
[kvankam la proponinto parolis pri ortografio, fakte temis pri nura aliigo de radikoj (¡pli ol 3600 paĝoj!), tamen gardante ĉiujn sonojn, kaj eĉ preskaŭ la digramojn de (1b): ch, sh, jh, kh havus la sonojn ĉ, ŝ, ĵ, ĥ; nur ĝ iĝus problemego prononca kaj skriba (!?), per digramoj dj kaj gj] [aperus nova litero, y, prefere kun la sono de ü en la germana Tür kaj de u en la franca du (fonetika simbolo, y), kvankam oni tolerus i] [la nova litero x havus la sonon ks aŭ gs, "sed ne kz"] [rh, th sonus r, t] [ekzemploj de radikŝanĝo: ŝtono→stono, ŝanĝiĝi→chanjixi/ changixi] [pliaj ekzemploj: ŝaŭmo→spumo, pioreo→pyorheo, anhidrido→anhydrido/ {anidrido}] [pliaj ekzemploj: ĉambro, ĉerizo, kondiĉo, dediĉo → chambro, cerizo, kondicio, dediko] [pliaj ekzemploj: laŭdi, aŭtoro, kraŭlo, klaŭno, bedaŭri, landaŭo, baldaŭ, malgraŭ → laùdi, autoro, krawlo, klowno, bedori, landoo, balde, malger], ktp, ktp.

# vojaĝi senlime



La efektiviĝo la 26-an de marto 1995 de la Konvencio de Schengen estas grava evento por la eŭropa civitano, kiu konstatos la konkretan aplikadon de la principo pri forigo de internaj landlimoj en tiu ĉi areo de la Eŭropa Komunumo.

Ne temas pri paralela leĝo rilate la traktaton pri Eŭropa Unio (E.U.), sed konkreta dokumento inter ŝtatoj apartenantaj al la E.U. por difinita celo, sed la vojo por atingi tiun konvencion estis longa kaj mi klopodos skizi la ĉefajn momentojn ĝis la fina aplikado de la Konvencio al la civitanoj.

La fundamentaj principoj pri libera cirkulado de personoj, varoj kaj pagoj estis antaŭviditaj ekde la starigo de la Eŭropa Komunumo per la Traktato de Romo en 1957, sed la tempo pasis kaj nur malgrandaj paŝoj efektiviĝas.

En 1985, la Komisiono aprobis "Blankan Libron" pri la plena realigo de la interna merkato, inkluzivante la forigon de kontroloj en la internaj landlimoj, t.e. inter komunumaj ŝtatoj. Tiam, Belgio, Nederlando, Luksemburgio, Germanio kaj Francio subskribis la Konvencion de Schengen, kaj deziris sukcesigi la absolutan forigon de kontroloj por personoj kaj varoj interne de siaj landlimoj. Sed diversaj malfacilaĵoj kaj la okazintaĵoj en Germanio en 1989 prokrastis tiun celon. Tamen, en junio de 1990 tiuj kvin membro-ŝtatoj subskribis, denove en Schengen, konvencion pri aplikado de la Schengen traktato, celanta ankaŭ la pligrandiĝon de tiu grupo al aliaj membroj de la Eŭropa Komunumo.

Tiel, Italio eniris en tiun areon en 1990, Hispanio kaj Portugalio en 1991, kaj Grekio en 1992. En 1994 Danio kaj Aŭstrio petis la statuson de observantoj por venonta membriĝo; ĉar subskribo de traktato ne egalas al efektiviĝo, tiu lasta prokrastiĝis jaron post jaro ĝis 1995, kiam oni konsideris ke ĉiu kondiĉo por forigi la kontrolojn de personoj en la landlimoj plenumiĝas.

Nun, la Konvencio estas valida por sep ŝtatoj: Belgio, Francio, Germanio, Hispanio, Italio, Luksemburgio, Nederlando kaj Portugalio. Italio kaj Grekio ne plenumas ankoraŭ la antaŭviditajn kondiĉojn, ĉar iliaj naciaj Parlamentoj

ne ratifikis la Konvencion. La restantaj membroŝtatoj de la E.U. ne apartenas ankoraŭ al la Schengen-areo, kvankam oni pensas pri ilia estonta aliĝo.

Sed, kion alportas tiu konvencio al la civitanoj?

a) Iu ajn persono apartenanta al la Eŭropa Unio, sendepende de ŝtataneco ĝuos la forigon de kontroloj en tiu areo.
b) Ĉiu civitano de la E.U. en la eksteraj landlimoj de Schengen havos kontrolon nur per identiga dokumento aŭ pasporto.
c) Ĉiu civitano de ŝtatoj ne-membroj de la E.U. kiu plenrajte loĝas en membroŝtato de Schengen-areo povos libere vojaĝi en ĝi portante rezid-dokumenton, ne bezonante vizon. Rilate la nunan situacion, la harmoniigo de la naciaj leĝoj signifas, ke vizo de membroŝtato de Schengen estos valida por la tuta Schengen-areo, sed kontraŭe, iu ajn membroŝtato rajtas rifuzi vizon al personoj inkluzivitaj en komuna listo de "nedezireblaj eksterlandanoj".

Por la ĝusta aplikado de la konvencio, en la flughavenoj la situacio estos jena:

En la grandaj flughavenoj oni starigos du zonojn, kiuj ebligos fizike disigi la du pasaĝerarojn. Unuflanke, la personojn de enlandaj kaj inter-Schengen-flugoj, kaj aliflanke la vojaĝantojn kies destino aŭ deveno estas landoj ne apartenantaj al la Schengen-areo. La pasaĝeroj de la Schengen-konvencio, sendepende de sia nacieco, ne ricevos iun kontrolon kaj oni faros esceptojn nur pro sekureco, same kiel en la enlandaj flugoj.

La pasaĝeroj de internaciaj flugoj kies destino aŭ deveno ne estos ŝtato de Schengen-areo, uzos la internacian zonon kaj spertos la normalajn kontrolojn en- aŭ elirante je la Schengen-teritorio.

La Eŭropa Komisiono, kiu atente sekvas la plenumadon de ĉi tiu konvencio, antaŭvidas ke la libera cirkulado de personoj povos efektiviĝi ne nocante la sekurecon, per adopto de la necesajn agojn, ĉefe per la plifortigo de kontroloj en la eksteraj landlimoj kaj de la kreo de konstanta kunlaboro inter la aŭtoritatuloj prizorgantaj tiujn kontrolojn.

Kompreneble, la nunaj kontroloj devos garantii la plenan aplikadon de la traktato kaj atingi la aliĝon al la Schengen-areo de la ceteraj membroŝtatoj de la Eŭropa Unio, kiuj nun estas dekkvin, post la membriĝo de Aŭstrio, Finnlando kaj Svedio.

*D-rino M.R. URUEÑA Prof. pri Internacia Juro*

# Toleremo

La Organizacio de la Unuiĝintaj Nacioj UNESKO, kaj verŝajne aliaj internaciaj institucioj, decidis dediĉi la nunan jaron 1995 al la TOLEREMO. Evidente la ideo estas bonega.

*Toleremo*, laŭ mia kompreno estas: la kapablo akcepti ideojn kaj opiniojn malsamajn al la niaj; respektemo al fremdaj ideoj, precipe en la kampo politika kaj religia. Se ni restus fidelaj al tiu difino, ni povas facile kompreni, ke se en la homaro ekzistus toleremo, fakte ne ekzistus konfliktoj. La grava problemo estas scii, kie komenciĝas la manko de toleremo kaj kiam ĝi devas finiĝi. Alia problemo estas, kial devas ekzisti la toleremo aŭ kial ni devas ĝin akcepti. Ĉu estas normale mencii toleremon kiel instrumenton por plej bona kunvivado?

La afero ne estas tiel simpla, ĉar estas diskuteble, ke la toleremo naskiĝas pro multaj sociaj maljustaĵoj. Aŭ se vi preferas interpreti ĝin alie, la toleremo estas sekvo de mankoj sociaj en la homa kunvivado. Evidentas, ke la toleremo ne estus bezonata se vere ekzistus justa sociordo.

Do, la toleremo en kiu ajn aspekto de la vivo signifas —kaj fakte estas—, anstataŭigi la leĝojn kaj en aliaj kazoj bremsi la leĝojn, kiuj interpretas malbone la rajtojn de la homo. En alia aspekto, toleremo signifas pardoni, havi rajton pri kio ajn kaj pro konkretaj kaŭzoj ĝin rezigni. Estas evidente, ke kiam ni ion pardonas, do, kiam ni estas toleremaj, ni rezignas parton de niaj rajtoj. La granda demando estas, ĉu oni povas vivi sen toleremo? La respondo estas tute ne, almenaŭ en nia socio.

Toleremo signifas ankaŭ, ke io ne estis ĝuste farita kaj nia konscio pretas ĝin pardoni, t.e. toleri. La socio, kiu devas alvoki la civitanon al toleremo, sen timo al eraro, estas socio, kiu ne bone funkcias. La toleremo ne povas esti normo aŭ regulo de nia kunvivado, nek nia socio devas baziĝi sur la toleremo. Mi deziras demandi, ĉu oni devas toleri la mizeron? Kompreneble, la respondo devas esti ne! Kaj, ĉu oni devas toleri privilegiojn? Mi supozas, ke multaj homoj dubas respondi tiun demandon, kvankam la justa kaj racia respondo devas esti ankaŭ ne! Kaj jen ni denove meze de la homaj rilatoj, la sociaj kaj socialaj leĝoj. Nu, kion oni devas fari? Sendube la plej bona rimedo estas la starigo de sociordo, en kiu ne estus bezonata la toleremo.

Ekster la supra rezonado, povas okazi, ke tiu al kiu estas oni toleras multajn agojn aŭ misagojn sin sentas ofendita, kaj li/ŝi konsideras tiom grandan toleremon humiligo. Ne estas facile scii, kio okazas en la menso de homo, al kiu estas tolerataj multaj fiaskoj de lia propra vivo. En kelkaj kazoj tro da toleremo povas efiki kontraŭ la ekzistantaj leĝoj. Jen civitano, kiu ial ne volas obei la ekzistantajn leĝojn, sed la homaro, ankaŭ ial estas preta toleri liajn eksterleĝajn farojn. Kompreneble ni devas esti toleremaj, alimaniere la vivo estus netolerebla.

Mi supozas, ke ONU elektis ĉi tiun gravan temon de kunvivado inter la homoj pro la multaj incidentoj inter la homoj de diversaj rasoj, kredoj kaj eĉ haŭtkoloro. Ĉu tio rilatas nur al la nuna kunvivado inter la diversaj homoj? La vero estas, ke maltoleremo ekzistis ĉiam kaj eĉ multe pli ol nuntempe.

Mi petas al vi, nia leganto, ekzameni retrospektive la konduton, ĝenerale, de la blanka raso. Ĉu ni estis toleremaj dum pasintaj tempoj kun la cetera homaro? Nia socio starigis/as leĝojn, kiuj diskriminacias la homojn. Por mildigi iomete la situacion, ni fariĝas adorantoj de la toleremo. Ofte kaŝite post ĝi ni fariĝas ege hipokritaj. En multaj kazoj toleremo estas sinonimo de almozo, same por tiu, kiu petas toleremon kiel por tiu, kiu ĝin donas. Nia socio estas plena je malvirtoj kaj por daŭrigi tiun vivoformon ni nin kaŝas en la toleremo.

En Hispanio mem oni petas plenvoĉe toleremon kun kaj por la negroj, araboj kaj aliaj homoj kun neblanka haŭto. Evidentas, ke tio signifas hontindan hipokritecon, ja en Hispanio mem ekzistas riĉaj araboj kaj negroj, kiuj ĝuas plej grandan estimon, nur ĉar ili estas riĉaj. Plejofte temas pri hispanoj kiuj obeeme laboras kiel servistoj por tiuj riĉaj homoj, kiuj tamen estas rasismaj kiam ili interrilatas kun mizeruloj de la aluditaj rasoj. Favore al ĉi tiuj laste menciitaj, leviĝas miloj kaj miloj da voĉoj petantaj toleremon. Kial? Por kio taŭgas se ni havas leĝojn, kiuj kontraŭdiras niajn sentojn?

Prefere ne paroli pri toleremo en la religia kampo, kie ĉiu religio volas superregi la alian, kvankam oni predikas la toleremon.

La temo pri toleremo estas tiel ampleksa kaj grava, kiel la vivo mem. Miaopinie, toleremo ne estas virto, sed specimeno de nia propra maltoleremo, kaj ni estas veraj kulpantoj de la ekzisto de tiu bezono.

Ni venu al konkreta ekzemplo: malsatanto rigardas vitrinon plenan je manĝaĵoj kaj en konkreta momento li/ŝi rompas la vitron kaj formanĝas tion kio troviĝas tie. Kaptinte la fripono, la mastro de la butiko decidas pardoni

lin/ŝin. Sendube la mastro estos laŭdata kaj gratulata pro lia toleremo. Sed vere, kion signifas tiu toleremo? Fakte mizeron, manko de socia justeco.

Mi jam scias, ke la temo estas malfacile eksplikebla kaj ĉiu prijuĝos ĝin laŭ propra kriterio, tiel ke kelkaj povas opinii tute alie ol mi, jen kial estas vere necesa toleremo. (Dume, ni laboru por socio en kiu ĝi ne estos bezonata).

Eble kelkaj el niaj legantoj konsideros min persono netolerema, tamen mi esprimis mian opinion pri ĝi. Ankaŭ pro tio, mi ripetas, en la nuna sociordo devas nepre ekzisti toleremo kaj... labori por ne bezoni ĝin.

*Luis Serrano Pérez*

---

# PRI LA HISPANA-ESPERANTA VORTAREGO DE F. DE DIEGO




Dum kvar jaroj, unu monato kaj kvar tagoj (13a de septembro-17 de oktobro 1994) Fernando de Diego kompilis unudirekten hispana-esperantan vortaregon, kiu entenas preskaŭ ĉiujn kliŝojn, parol-turnojn kaj proverbojn efektive uzatajn en la hispana kun ties esperantaj ekvivalentoj (vd. *Boletín* n-roj 307 kaj 316). Tia verko etige kontrastas kun la elementaj vortaroj de Tudela: E. Tudela Flores, *Vocabulario español-esperanto, Valencia, eld. de la aŭtoro, 1966 (2a eldono), 527 pĝ. kaj Paluzie* Diccionario de bolsillo esperanto-español y español-esperanto, eld. Sopena, 1967, (pluraj represoj), 383 p.) la du solaj nuntempe aĉeteblaj hispana-esperantaj vortaroj.

La aŭtoro konstruis sian verkon surbaze de la grandaj vortaroj hispana-angla kaj hispana-franca de Ramón García-Pelayo, ambaŭ publikigitaj ĉe la eldonejo Larousse. La rezulto (ĉirkaŭ 60.000 kapvortoj) kompareblas al tiuj du vortaroj kaj ankaŭ, ekzemple, al la plej granda el la serio hispana-germana de Langenschdeit. Tio signifas, ke la hispana-esperanta vortarego estas pli vasta ol ajna vortaro hispana-hungara (nome, Gáldi) aŭ hispana-turka (nome, Kut kaj Kut), kvankam esperanto estas ja malpli grava lingvo ol la hungara aŭ la turka.

La vivo-verko de Fernando de Diego konsistigas mejlo-ŝtonon, ĉar la hispanlingvaj esperantistoj finfine disponos vortaron ampleksan, seriozan kaj fidindan. La fino de la kompilada laboro bedaŭrinde ne implicas tujan publikigon, sed nur plenumon de la pli grava labor-parto: nun estas la vico de la revizia teamo -pli-malpli la membroj de la t.n. "ibera skolo"- kies tasko postulos ankoraŭ du aŭ tri jarojn.

Eble kelkaj samideanoj plendos pro la grando de tia nacilingva-esperanta vortaro, kvazaŭ ties tuta pezo minacus surfali ilin kaj premi sufoke eĉ la lastan eron de ilia movadana entuziasmo interna-idea... Nu, ili konsoliĝu pensante, ke ekzistas du hispana-italaj vortaroj (Ambruzzi kaj Carbonell) larĝe pli ampleksaj ol ĉiuj aliaj vortaroj menciitaj en la nuna artikolo: 80.000 kapvortoj en la parto hispana-itala, kvankam ja la itala estas kompare facila por hispanlingvanoj, ĉu ne? Jen alia ebla konsolo: se grandaj dulingvaj vortaroj superfluus, kial do ne unu, sed kvar eldonejoj (Larousse, Collins, Oxford, Simon's) publikigis vortaregojn hispana-anglajn?

Ni prefere konkretigu: la komparo inter la du nuntempe uzataj vortaroj hispana-esperantaj kaj la *Gran diccionario español-esperanto* de Fernando de Diego montriĝas tre rivela, ekzemple sub la vorto *palabra*. Juĝu mem:

**palabra** vorto / parolo (*habla*) *de parolo* parole. Paluzie Lexicón Sopena-vortaro.

**palabra** parolo / parol-kapablo / vorto (*vocablo*) / *palabra de Dios* Evangelio / *palabra de matrimonio* edziĝ-promeso / *pedir la palabra* peti parol-vicon / *tiene usted la palabra* estas via parolvico. (Tudela-vortaro, 2a eldono).

**palabra** parolo *(habla): pedir, conceder la palabra* peti, doni la parolon; *me repitieron sus palabras* oni ripetis al mi liajn parolojn; *el delegado español tiene la palabra* la hispana delegito havas la parolon / vorto *(vocablo)*: *una palabra española* hispana vorto; *no decir palabra* diri eĉ ne unu vorton / parolo (*promesa*): *dar a alguien su palabra* doni al iu sian parolon / *fiar en la palabra de alguien* fidi ies parolon / *hombre de palabra* sinjoro de sia parolo / *mantener su palabra* teni sin al sia parolo / *¡palabra!* je mia parolo *¡se lo aeguro!)* / vorto *(teología)* / *palabra clave* ŝlosila vorto / *palabra de doble sentido* vorto de duobla senco / *palabra de honor* parolo de honoro *palabra de matrimonio* promeso de edziĝo / *palabra por palabra* laŭvorte / *palabras al aire o al viento* vanaj paroloj / *palabras altisonates o rimbombantes* bombastaj vortoj / *palabras cruzadas* kruc-vorta enigmo *(crucigrama)* / Fig. *palabras del Evangelio* veroj de la Evangelio / *palabras cubiertas* maskitaj vortoj / *palabras históricas* historiaj vortoj / *a buen entendedor,pocas*

*palabras bastan* saĝa kapo duonvorton komprenas; por saĝulo sufiĉas aludo / *ahorrar palabras* ŝpari vortojn / *al decir,al oír estas palabras* aŭdinte ĉi vortojn / *a palabras necias, oídos sordos* al stultaj paroloj, surdaj oreloj / *bajo palabra* sub parolo / *comerse las palabras* forgluti la vortojn (al hablar); repreni siajn dirojn (*retirar lo dicho*) / Fig. *comprender o entender a medias palabras* legi inter linioj / *cortar la palabra* interrompi / *dar su palabra* doni sian parolon / *cumplir con su palabra* repreni sian parolon / *decir la última palabra* diri la lastan vorton / *decirle a uno cuatro palabras bien dichas* diri rekte al iu la krudan veron / *decir una palabra al oído* suflori ion en ies orelon / *dejar a uno con la palabra en la boca* subite foriri ne plu aŭskultante iun / *de palabra* parole / *dirigir la palabra a alguien* paroli al iu; alparoli iun / *empeñar la palabra* doni sian parolon / *en cuatro palabras* duvorte / *en otras palabras* alivorte / *en toda la acepción o extensión de la palabra* en la vasta senco de la vorto / *entretener con buenas palabras* luli (ies eperojn) per belaj vortoj / *en una palabra* unuvorte; resume / *estar pendiente de las palabras de uno* sorbi ies parolojn / *faltar a su palabra* rompi sian parolon; repreni sian vorton / *gastar palabras* malŝpari vortojn / *gastar pocas palabras* paroli lakone / *hablar con medias palabras* paroli per maskitaj (kovritaj) vortoj / *hacer uso de la palabra* preni la parolon / *juego de palabras* vort-ludo / *la palabra es plata, pero el silencio es oro* parolo estas arĝento, oron similas silento / *las palabras se las lleva el viento* la paroloj forflugas, la skribo ne pereas / *llevar la palabra* havi la vorton; esti la proparolanto (*ser el portavoz*) / *medir o sopesar sus palabras* pesi siajn vortojn / *ni una palabra* eĉ ne unu vorto(n) / *ni una plabra más* nul vorto(n) plia(n) / *no entender palabra* kompreni eĉ ne unu vorton; eĉ ne joton kompreni / *no saber ni una palabra de* scii tute nenion pri (*un asunto*); koni eĉ ne unu vorton el (*un idioma*) / *no tener palabra* ne teni sian parolon / *pocas palabras, pero buenas* koncize, sed trafe / *quitarle a uno la palabra de la boca* forpreni la parolon de sur ies lango / *retiro mi palabra* mi reprenas kion mi diris / *según las palabras de Cristo* laŭ la parolo de Kristo / *ser de pocas palabras* esti vort-avara / *sin decir una palabra* sen diri eĉ unu vorton / *tener la última palabra* havi la lastan vorton / Fig. *tener unas palabras con alguien* akre diskuti kun iu; disputi kun iu / *tomarle (cogerle) a uno la palabra* kapti iun per lia parolo / *tratar mal de palabra a uno* ofendi iun; diri al iu ofendajn vortojn. (De Diego-vortaro).

Komparinte la tri vortarojn, honestas diri, ke tiuj de Tudela kaj Paluzie ne naskiĝis por detala pritrakto de la leksiko, sed nur por modesta helpo al komencantoj. Tamen, same honeste dirite, vortaroj foje similas al dometoj, foje al katedraloj. Kaj la katedral-arkitektoj bone scias, ke la lingvoj kreskas, spite al nostalgiuloj pri unua-jaraj pantalonetoj kaj poŝtkartaj gramatikoj kun la himno, ĉu ne? Por saĝuloj sufiĉas aludo.

*La redakcio*




Okaze de la centjara datreveno de la naskiĝo de R. Schwartz, ni volis omaĝe diskonigi inter la novaj generacioj de hispanaj esperantistoj, eĉ se nur skize, la figuron de tiu franca E-verkisto, plej brila humuristo en Esperantio kaj vere unika homo en sia stilo.

Kaj ni volis tion fari sub la formo pli modesta kaj eble pli interesa por hispano, nome per mencio de liaj kontaktoj kun la Hispana E-Movado. Bedaŭrinde ni devas reveni nun al nia revuo, t.e. al ĉi tiuj paĝoj, por kompletigi tiun informon pri sama homo kaj temo, kiun ni nur duone faris. Ekzemple, ni menciis (Boletín-319, pĝ. 24-27) ke R. Schwartz publikigis siajn unuajn rimaĵojn sur paĝoj de "Tutmonda Espero", eble post lia restado en Barcelono (jarfino 1911-komenco 1912), sed en nia improviza zorgo ni ne reproduktis tiajn poemojn. Tamen, ni parolis pri liaj kontaktoj kun valencianoj okaze de lia partopreno en la "Konkurso Valencia", kiun li gajnis tradukante tre brile la popularan kanzonon "Valencia", famigitan de la ĉarma kantistino de "music hall" Mistinguette en la plej ŝikaj salonoj de Parizo, kaj en tiu ĉi kazo, jes, ni publikigis la tradukon de la belsona kanzono.

Efektive, ni kompletigas nun nian taskon dank' al la ĝentila kunlaboro de la direktorino de la "Esperanto-Biblioteko Ramón Molera", de Moià, s-ino Ana María Molera, kiu mem esploris inter tiuj malnovaj dokumentoj. La unua poemo de R. Schwartz sur paĝoj de "Tutmonda Espero" aperis en la n-ro 46, 4a jaro, decembro 1911, pĝ. 133, kies teksto jenas...

### La kanto de l' arbaro

Vi jam ofte min kortuŝis
De l'arbaro sankta kanto,
Kiam mi sur musko kuŝis
Kiel muta aŭskultanto.

Kiam la folioj bruis,
Ili eksonigis tian
Kanton belan, kiu fluis
En la lacan koron mian.

Arbarkanto, -vi sanigas,
-Kiel dolĉa la balzamo,-
Ĉiujn vundojn,- vi plenigas
Mian koron je sant'amo.

De l' kantistoj granda reĝo
Ĉesu kanti do neniam!
Vian kanton, dolĉa preĝo;
Vi daŭrigu ĉiom, ĉiam!

La poemeton mi transskribas sen ŝanĝi eĉ unu komon. Sub la versoj aperas la mencio -El Germanujo; do eblas dedukti, ke ĝi estis sendita de tiu lando.

La dua poemo, kiun ni trovas ankaŭ sur paĝoj de "Tutmonda Espero", n-ro 50, 5a jaro, aprilo 1912, pĝ. 41, diras:

**Lingvo poeta**

Foje poeto malgaje sopiris,
Plumon, paperon forĵetis... kaj diris
Tute senkuraĝigita al Dio
Mi nun neniam plu skribos poemon,

Ne plu vivigos poetan radion
Eĉ plej belegan kaj indan la temon,
Se al mi ne donas vi lingvon kanteblan
Kaj ne rigidan, sed pleje flekseblan!"

Dio lin aŭdis... bonvole ridetis,
Kaj al poeto favore li ĵetis
Rozon verdegan... la rozon plej belan,
Bonodorantan de sia ĝardeno,
Premis poeto la floron ĉielan;
Kaj lin forlasis la tuta ĉagreno,
Kiam enspiris la rozan odoron,
Gajan li sentis nun ree la koron.

Entuziasme ekkantis poeto,
Dume sur sia vizaĝo rideto
Baldaŭ formiĝis kontenta,-kaj diris
Nia poeto al Dio ĝojante:
Koron la mian ĵus kanto eliris
En tiu lingvo belsona... ĉarmante.
Jen mia lingvo! jen lingvo de l' kanto!
Restu ĉe l' koro, vi bel' Esperanto!

Sub la teksto jenas simpla aldono: Metz kaj Januaro 1912an.

Oni ne trovis aliajn poemojn de R. Schwartz en la kolekto de "Tutmonda Espero" de la citita Biblioteko. Certe, ke la kolekto ne estas kompleta, sed la mankoj koncernas al la jaroj 1913-1914 kaj probable, eventuala publikigo de aliaj poemoj venus en sekvantaj numeroj de la revuo laŭlonge de 1912. Precizigo de tiu konjekto mi esperas post ne longe certigi.

Pri la dua evento, t.e. pri la kontaktoj inter valencianoj kaj R. Schwartz, ni havas, krom la traduko-teksto de la kanzono aperinta en "La Suno Hispana" n-ro 119, jaro 1927, pĝ. 57-58, kiun ni reproduktis, ankaŭ fotokopion de la leteroj inter Schwartz kaj Andrés Piñó, ĝentile sendita al ni de nia kolego Reinhard Haupenthal. Dankon!

Fine, restas la parto plej obskura de nia artikolo. Ni aludas la noton aperintan en "Nova Sento" n-ro 7 de Bilbao, januaro de 1910, en kiu oni mencias iun s-ron Karl Schwartz, fondinto kaj membro de "Varietea Esperanta Ligo", parodiisto kaj sukcesa prezentanto en la indikita jaro de varietea aranĝo en la teatro "Folies Bergère" de Parizo. La tekston, sen iu ŝanĝo, ni publikigis en Boletín n-ro 319, pĝ. 27.

Kvankam mi invitis s-ron R. Haupenthal, kiel amikon de Schwartz, identigi tiun misteran Karl Schwartz, kies rolo multe similas al tiu ludata de Raymond kelkajn jarojn poste, li private konfesis al mi, ke li ne scias doni pozitivan solvon al enigmo. Li pensas, ke eble s-ro Amouroux aŭ Valo, ambaŭ ankaŭ bonaj amikoj de Raymond, scios doni al ni trafan respondon.

Spekteme ni esperas kontentigan solvon de la problemo post pozitiva reago de niaj kleraj veteranaj samideanoj... Antaŭdankon!

*Antonio Marco Botella*

---

## KONGRESKOTIZOJ

| | ĜIS: 31-1-95 | 9-11-95 |
|---|---|---|
| 1. Kongresano | 2.500 | 3.000 |
| 2. Kongresano (membro de HEF) | 2.000 | 2.500 |
| 3. Kunul(in)o (f) de kongresano | 1.500 | 2.000 |
| 4. Membro de HEJS (ĝis 30 j.) | 1.500 | 2.000 |
| 7. Eksterlandanoj | 2.500 | 3.000 |

## RIMARKOJ:

a) Plenigu kaj sendu la aliĝilon al: Hispana Kongreso. Font Nova 32. ES-08202 Sabadell. (Tel: 93-727-50-21) b) Sendu la kotizon al Caja de ahorros y pensiones de Barcelona, Konto n-ro 2100-0461-96-0200045498. Nepre skribu la vorton *Kongreso* apud la familia nomo de la kotizanto. c) La kotizo ne estas repagebla, eĉ se la aliĝinto ne partoprenas en la kongreso. d) La aliĝilon oni pritraktos nur post la ricevo de la koncerna pago. e) La rabatitaj kotizoj (2) kaj (4) validos nur se la kongresano efektive pagis la kurantajn kotizojn de HEF aŭ HEJS. f) Kunul(in)o= homo loĝanta kun aliĝinto.

# 54a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO




SALOU, 9a—12a DE NOVEMBRO 1995

# ALIĜILO N-RO......

(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Antaŭnomo, s-ro/s-ino/f-ino (1) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Aĝo (2) . . . . . . . . . . . . . . . . Profesio (2) . . . . . . . . . . . . . . .
Adreso . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Urbo . . . . . . . . . . . . . . Poŝtkodo . . . . Provinco (3) . . . . . . . . . .

Mi aliĝas al la 54a Hispana Kongreso de Esperanto kaj sendas per poŝtmandato, ĉeko aŭ banko la jenan sumon:

| | | |
|---|---|---|
| Kiel kongreskotizon en kategorio | | ptojn |
| Kiel ĉambroperado | | ptojn |
| Kiel kongresdonacon | ________________ | ptojn |
| | ENTUTE: | ptojn |

Membro de HEF—HEJS n-ro:.......

Plenigu apartan aliĝilon por ĉiu familiano samtempe aliĝanta
(1) Forstreku la nevalidan
(2) Nur por statistiko
(3) Eksterlandanoj menciu la landon
Por uzo de la administracio:

| Pago ricevita | Konfirmilo sendita | Loĝejo mendita |
|---|---|---|

